# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "Brazila Ligo Esperantista"

2-a. Jaro. — Marto-Aprilo 1909 — Numero 7-8.

| JARABONO: | Elirante ĉiumonate—Apparecendo mensalmente | |
|---|---|---|
| En Brazilujo...... 3$000 | REDAKCIO — RUA S. JOSÉ N. 77 | Specimeno......... 0.f50 (0, $ 20) |
| Eksterlande.... ... 6.fr,00 (2,$40) | Rio de Janeiro — BRAZILUJO | Numero avulso.... 300 Rs. |
| | | Helpabono........ 10$000 |


## TRI KONTINENTOJ



La supra grupo riprezentas la tri kontinentojn: Ameriko, per nia samlandano Everardo Backheuser, Europo, per la franco S-ro D-ro Dor kaj Azio per la tre konata kaj fervora probatalanto S-ro Romano Frenkel, siberiano inspektoro de lernejoj.

La tri samideanoj kunvenis en Dresden'o dum la « Kvara » kaj pli forte kunligis la malnovajn leterajn interrilatojn. Por festigi la renkonton ili faris kunan fotografajon.

Tiu ĉi fotografajo jam aperis en la vespera gazeto « *A Tribuna* » kaj en la tre konata kaj interesa semajna revuo « *O Malho* ».

## II$^{a}$ CIRKULERO
### pri la
## V$^{a}$ INTERNACIA ESPERANTISTA KONGRESO

—

AL LA ESPERANTISTARO:

Jam pasis unu monato, de kiam ni dissendis la unuan cirkuleron; la dato de la Kongreso alproksimiĝas laŭ gigantaj paŝoj: tion ĉi ni ne forgesas, kaj ni senĉese laboras. Ni deziras ke, ankaŭ tiu rapida alproksimiĝo ne estu forgesata de la aliĝontoj al la kongreso, kies Komitato, kiel estas dirite, disvendas la kartojn po 10 frankoj (4 sm) ĉiu.

Ni havas la plezuron sciigi ke, oni jam proponis por la karto numero 1, la kvanton de 20 frankoj (8 sm); ni notis la nomon de la proponanto S-ro Edward Martins en la listo kiu estos fermata kaj ekzamenata la 5-an tagon de Aŭgusto je noktomezo.

Ĉar la sendo de mono al nia kaso estas malfacila pro la manko de internaciaj poŝtmandatoj en hispana poŝtadministracio, ni konsilas niajn samideanojn sendi la monon kun la aliĝo al unu

el la jenaj sinjoroj, kiuj tre ĝentile proponis al ni sian servon:

**CENTRA OFICEJO - 51, Rue de Clichy. Paris.**

**S-ro Carlo Bourlet - LA REVUO - 79, Boulevard St Germain. Paris.**

**Barono F. de Ménil - FRANCA ESPERANTISTO - 46, Boulevard Magenta. Paris.**

**S-ro H. F. Höveler - ĈEFBANKO ESPERANTISTA - Merton Abbey. London. S. W.**

LOĜADO. — Kutimo estas en nia lando, manĝi en la sama hotelo kie oni dormas; do, la prezo de loĝado kiun ni atingis de la « Societo de Hotelestroj », rajtigas al ĉambro kaj al la ĉiutagaj tri manĝoj.

La diferenco de prezoj rilatas nur al komforto, sed ni povas dire ke, hoteloj por la plej malalta prezo (klaso A), estas jam kvankam simplaj, tre konsilindaj al ĉiu.

Jen la prezoj:

Klaso A. Dormoĉambro kaj maten-tag- kaj vesper manĝo, po persono ....... **5,00** frankoj

Klaso B. Domoĉambro kaj maten-tag- kaj vespermanĝo, po persono........ **7,50** frankoj

Klaso C. Dormoĉambro kaj maten-tag- kaj vespermanĝo, po persono...... **12,50** frankoj

FORMULOJ

por sendi mendon de kongreskarto kaj (aŭ) loĝado kaj eldonajoj de la Komitato al la nomitaj sinjoroj;

*S-ro (N: );*

*Bonvolu mendi je mia nomo, al la Organiza Komitato de la V-a Kongreso, unu kongreskarton: mi kunsendas al vi la pagmonon:* **10** *rankojn.*

*Bonvolu mendi je mia nomo, septagan bileton por loĝado, klaso......; mi kunsendas al vi la pagmonon.......................... .... frankojn*

*Bonvolu ankau mendi je mia nomo,......... ekzemplerojn de la oficiala poŝtkarto n° 1. kaj ..........de n° 2: mi kunsendas al vi la pagmonon........................ .... frankojn*

*Subskribo*

*Nomo de la mendanto, plena adreso, profesio, nacieco.*

Por havigi monon al kongresa kaso, la Komitato eldonis du poŝtkartojn, unu por la plena Komitato (n° 1), kaj alian por la « Floraj Ludoj » (n° 2). Ili estas vendeblaj laŭ tiu ĉi tarifo:

Poŝkarto n° 1. 5 centimojn ekzemplero — Aldonu 5 centimojn po deko da kartoj por la afranko — Poŝtkarto n° 2, 10 centimojn ekzemplero.

La Subkomitato de la « Floraj Ludoj » kiu tre fervore laboras por la sukceso de tiu grava festo, konsistas el;

**D-ro Zamenhof**, Honora Prezidanto; **S-roj Carlo Bourlet** kaj **G. Vila Roca**, Prezidantoj; **S-ro J. Pujol**, Sekretario; **F-ino Maria Mas, D-ro René Artigues, Barono F. de Ménil**, Komitatanoj.

Klarigoj pri la laboro kaj decidoj de Subkomitato de la « Floraj Ludoj » estos sciigataj per tuj aperonta cirkulero kiu estas jam en presejo.

Rilate al la vojaĝo, ni sciigas ke, en la nuna momento estas specialaj biletoj por kongresanoj, tre malkaraj, sed, ĉar oni avertis nin ke la prezo estos sanĝata post nelonge, ni prokrastas diri la definitivan koston ĝis kiam tiu ĉi afero estos firme decidita.

Ĉio auguras ke la Barcelona Kongreso estos la plej granda sukceso atingita de Esperanto: eĉ la nomoj helpas nin!!! vidu!

MiKaelo ........ CasEs.
AlfOnso .......... Sabadell.
FredeRich .......... Pujulá,
JAume ...... SalEs.
GerMaine ........ Rebours.
GerOni ...... VilA
JaciNto ..... BremoN
RAmon .... ClarmuT
CarLo ...... BOurlet.

Por la *Loka Organiza Komitato*
La Prezidanto de «Propaganda Fako».
**D-ro J. Bremon Masgrau**

**Da « FOLHA DO DIA » :**

« O esperanto tem tido exito apezar de transformar os finaes internacionaes, porque é mais regular do que qualqer outra lingua: olhando para um texto esperanto, os profanos *não percebem logo*, mas depois de curto estudo estão muito mais *seguros* de possuir o vocabulario de que nas outras linguas, que nunca se acaba de conhecer. No principio o esperanto é mais barbaro, mas logo se escreve e falla sem erro.

« Tenho provado todos os projectos de lingua artificial com novos alumnos, e tenho constatado que *só os esperantistas fallam sem hesitação* »

Desdenhando os successos ephemeros e contando com o apoio dos que vão além da primeira impressão, o Dr. Zamenhof, não duvidou em dar á sua lingua um aspecto-visual bastante desagradavel pela abundancia de k, de j e de consoantes accentuadas.

Fez duplamente bem, primeiro porque só assim conseguia a regularidade logica e a pronuncia *sem hesitação*, e que do mesmo golpe afugentava os espiritos superficiaes e os snobs.

E o exito lhe dá razão de sobra.

# KRONIKO

**Ŝtato de Pará.** *Belem.*— La jurnaloj de tiu ĉefurbo publikigis la telegramojn senditajn de Brazila Ligo Esperantista al sia tiea delegito S-ro Francisco Barros Silva dum la dua Brazila Kongreso de Esperanto.

Sed tiu semo ne ĝermus, se ne aperus tuj poste la nelacigebla propagandisto kaj unua vicprezidinto de Brazila Klubo «Esperanto» D-ro. Nuno Baena. Tiu ĉi distinginda kuracisto faris je la 15ª de Februaro paroladon antaŭ multe da gesinjoroj, inter kiuj troviĝas kelkaj anoj de pafarta societo. La 28ª de marto en la sidejo de tiu societo li faris duan paroladon, kiu estas prezidita de S-ro. Senatano Antonio Lemos, urbestro de l' ĉefurbo. Tiun paroladon ĉeestis 300 personoj inter kiuj multe da sinjorinoj. S-ro. Eder Jansen de Mello, kiu eklernis esperanton antaŭ 2 monatoj, deklamis soneton de li verkitan kaj dediĉitan al D-ro. Baena. La paroladinto estas gratulita de Senatano Lemos pro la varmeco per kiu li propagandas la lingvon de l' homaro.

D-ro. Baena intencas fari alian paroladon kaj malfermis kurson laŭ la miksa metodo. Li ankaŭ faros kursojn per korespondado kaj laŭ la Berlitza metodo. Al nia kunbatalanto ni deziras, ke li tre baldaŭ sukcesos fondi grupon en tiu bela norda urbo.

**Ŝtato de Parahyba.** *Parahyba.*—Sro. Mario d' Alva skribis artikolojn pri Esperanto en loka jurnalo kaj faris alvokon al la diligenta kaj studema junularo, por ke ĝi fondu grupon. Lia alvoko ne restis senefia, car 12 junuloj, inter kiuj Sroj. Liz d' Almeida kaj Francisco Leal, jam kunvenis kaj decidis pri fondo de grupo.

**Ŝtato de Alagoas.** *Maceió.*— Ni legis en «Jornal de Alagôas» ieteron en esperanto adresitan de «Iluzio» al D-ro. Zamenhof (anstataŭ al Lingva Komitato) pri la enkonduko de l' vorto *Saŭdado*, en la esperanto vortaro. Tiu ĉi necesa radiko estas jam uzita unue de Sro. Costa e Almeida en lia «Methodo Completo» kaj poste de Sroj. Couto Fernandes, Haroldo Amaral, Visconde de S. Valentim kaj Nuno Baena en iliaj tradukoj. Kial *Iluzio*, kiu tre bone konas esperanton, ne klopodas fondi grupo en Maceió?.

**Rio de Janeiro.** — Je la 11ª marto alvenis al Rio nia tre distinginda samideano D-ro. Everardo Backheuser kaj lia edzino, kiuj riprezentis la brazilajn esperantistojn ĉe la 4ª Internacia Kongreso.

Ili estas ricevitaj de siaj multenombraj amikoj, kiuj iris en 2 vaporŝipetoj portantaj la verdan standardon.

Proksime de l' vaporŝipo, la bando de muziko, ĝentile cedita de l' komandanto de l' polica brigado, ludis belan muzikaĵon, kiu pligrandigis la entuziasmon. En la vaporŝipo, D-ro. Backheuser invitis siajn amikojn trinki glason de ĉampano, kaj dankis ilin pro la pruvoj de amikeco al li donitaj. Tiam li diris, ke post sia vojaĝo li povas garantii, ke Esperanto certe venkos. — Sro. A. Couto Fernandes malfermis malgrandan kurson en semajna jurnalo por infanoj «Fafazinho». — Multaj samideanoj bedaŭrinde ne ŝatas kunveni, ĉu pro iliaj laboroj ĉiutagaj, ĉu pro timo malbone paroli. Tio ĉi estas grava eraro, ĉar la praktiko nur venas post praktiki. Krom la kunvenoj en Café Loanda kaj ĉiumonataj promenadoj, ĉiuj esperantistoj de Rio kaj Niteroi estas invitataj ĉeesti la ĉiumardajn kunvenojn en la «Escola Polytechnica» (je la 4ª horo). Tie oni pritraktas ĉiujn esperantajn aferojn, oni povas legi la eksterlandajn revuojn, trinki teon kaj kafon kaj precipe oni povas praktike lerni la lingvon. Tiujn kunvenojn jam ĉeestas multe da geesperantistoj. — Je la 6ª de Aprilo kelkaj geesperantistoj faris promenadon al *Leme* bela ĉirkaŭaĵo de Rio de Janeiro. Fraŭlino Julia Fernandes, Sro. Marcelino Monteiro kaj knabetoj Luiz Rocha kaj Imario das Trinas deklamis poeziojn, kiuj estas aŭditaj ankaŭ de multaj neesperantistoj. La 2an de l' proksima monato okazos la dua promenado kaj oni petas insiste al ĉiuj esperantistoj ke ili estu je la 2ª vespere, ĉe l' staciddomo de l' Centra Avenuo de l' kompanio «Jardim Botanico».

La Grupo Esperantista Laboristaro arangis la 11an de Aprilo belan feston. Ĉirkaŭe 200 personoj sin tre amuzis pri la teatraĵoj «A impossivel felicidade» kaj «Amanhã». La Kamarado Marcelo Verema paroladis en esperanto pri la Borso de l' Laboro. Malgranda ekspozicio de esperantaĵoj intereson vekigis.

Sro. Magnus Sondhall aŭtoro de kelkaj sociologiaj verkoj kaj eĉ fondinto de nova doktrino, fundamentita en la Universala Logiko, kiun li vigle propagandas aliĝis al nia lingvo. Efektive, nur Esperanto povas helpi la disvastigon de ideoj tiel internaciaj kiel religio kaj sciencoj, kaj sendube tia estas la ĉefa kaŭzo de l' eniro en niaj rangoj de la nova batalanto. Sro. Magnus Sondhall publikigas jurnalon—O Sociocrata—kaj en ĝi aperos kurso de Esperanto. «Iom post iom, —oni legas sur ĝi. — la jurnalo fariĝos tute esperantista.» En la «Universitato Ortologia» de Sro. M. Sondhall li mem intencas fari kurson de nia lingvo. Brave!

— En la duonmonata revuo «Reformador» organo de la Brazila Spirita Federacio ni legis bonan artikolon por Esperanto. En alia numero ĝi sciigas al sia legantaro la fondon de Esperanta Psikistaro, internacia unuiĝo por psikismo, studado per Esperanto pri spiritismo, telepatio, magnetismo, ktp. Ni esperas, ke post la legado de tiuj artikoloj multe da brazilaj spiritistoj lernos nian lingvon. —

La tre konata «Freitas Hotelo», kiu staras sur la strato Riachuelo nº 120, faras sian propagandon per kolekto da fotografaĵoj, sur kies dorsaj flankoj oni legas klarigojn en 7 lingvoj, inclusive esperanto. Imitinda ekzemplo!

**Ŝtato de S. Paulo.** *Campinas.* — La 17an de marto okazis la ĝenerala kunsido de l'pioniro «Suda Stelaro» kaj oni elektis la jenan estraron: Honora

prezidanto: D-ro João Keating; prez.: Inĝ-ro Tobias Rabello Leite; vicprez.: Vicente Deluca; sekr.: J.-B. Pedroso; kas.: D-ro. Camillo Vanzolini. Oni elektis ankaŭ, kiel delegitojn ĉe B.L.E. S-rojn D-ro. Tobias Rabello Leite kaj Vicente Deluca.

*Amparo.* Jen estas la estraro de l' grupo « Ampara Esperanto Klubo » jus fondita: Prez. — D-ro. Paulo Pires; vicprez. — D-ro. Alvaro Silva; 1ª sekr. — Sro. Francisco de Araujo; 2ª sekr. — Sro. Abilio Fernandes; 1ª kas. — Sro. João Leite da Costa; 2ª kas. — Aristides Fernandes.

*Jundiahy.* Sro. Keating faris paroladon en tiu urbo, kie li esperas baldaŭ fondon de esperanta grupo.

*Guaratinguetá.* Nia fervora kaj senlaca samideano, Sro. J. B. Mello Souza enkondukis per siaj klopodoj nian lingvon en la nordon de l' stato de São Paulo. Efektive, post liaj paroladoj en kelkaj urboj, tuj fondiĝis grupoj. Certe la ĉefa, la plej varma el ĉiuj estas la belega aro de esperantistinoj de Guaratinguetá, nomata *Esperantistinaro.* Kelke da profesorinoj kaj pli ol 100 lernantinoj de l' Normala Lernejo de tiu progresema urbo kuniĝis, fondis la grupon kaj aranĝis feston por la tago de ĝia efektiva fondo.

Jen estas ĝia estraro: Prez-ino. Profesorino Maria Antonieta Milliet; 1ª Sek-ino. Profesorino Maria Augusta Fagundes; 2ª Sek-ino Fraŭlino Julieta Mello Souza kaj Kas-ino. Profesorino Herminia Rocha. Por la nomita festo, unu el la plej ĉarmaj de la brazilaj esperantistaj festoj, oni invitis S-rojn A. Couto Fernandes por paroladi pri la lingvo, kaj E. Backheuser por prezidi ĝin.

Kiam niaj du samideanoj alvenis al la staci-domo, la 28-an de Marto, la aninoj de l' grupo, blankvestitaj, kun verdaj steloj sur la koro, kantas la himnon kaj Fraŭlino Julieta Mello Souza salutas la alvenintojn. Sro. Backheuser respondis. La vojaĝantoj de la vagonaro miriĝis pro la flueco de ambaŭ paroladetoj. Nokte okazis la festo en la Urba Teatro, tre bela kaj tre konvena.

Komenciĝis la festo per la himno « Espero » kantata de 60 fraŭlinoj; poste Profesoro Milliet prezentis al la ĉeestantaro S-rojn Couto Fernandes kaj E. Backheuser. Tiu ĉi malfermis la kunvenon kaj donis posedon al la estraro de « Esperantistinaro » post paroladeti pri sia vojaĝo al la 4ª Kongreso. S-ino. Antonietta Milliet, kiel prezidantino de l'grupo, donis la parolon al Sro. Couto Fernandes, kiu faris konvinkintan paroladon pri la progresado de Esperanto.

Poste sekvis la dua parto de l' festo konsistanta el poezioj deklamitaj esperante de F-inoj. Laura de Carvalho, Carminha Bueno, Etelvira Antunes, Stella Rabello kaj Julieta Mello Souza, monologoj deklamitaj de S-roj. Sebastião Toledo kaj Luiz Menezes. Finis tiun ĉi parton S-ino. Dinorah Meirelles de Oliveira, kiu pianludis la valson « Espero » de Menil, kaj la knabineto Aracy de Paula, kiu deklamis la la kansoneton « O Congresso Universal ».

La ĉeestantaro multe siu amuzis pri la unuakta komedio de Feliciano de Menil « Heredo Klodarec » en kiu partoprenis Fraŭlinoj Julieta Mello Souza, Vicentina Cezar kaj Lucina Salgado kaj S-roj. Sebastião Toledo, Mello Souza, Luiz Novaes, Luiz Menezes kaj Themistocles Lacaz.

Finis tiun belegan feston la himno «Antaŭen» kantita de preskaŭ ĉiuj aninoj de *Esperantistinaro.*

Dum la paŭzoj ludis kelkajn agrablajn muzikaĵojn la bando de muziko de l' « Sociedade União Beneficente ».

Ni ne povas citi tiun aŭ ĉi tiun nomon, ĉar ĉiuj, tre bone parolis, ludis, kantis kaj deklamis.

Tamen du nomoj estas plej notindaj: Sro. Mello Souza, la vero animo de la movado, kiu estas samtempe aranĝanto de la festo, tradukanto de monologoj kaj komedioj kaj ec aktoro; kaj la ĉarma knabineto dekjara Aracy de Paula, kiu deklamis portugale sed per maniero vere laŭdinda lian kansoneton « O Congresso Universal ».

*Queluz.* La 12-an de tiu ĉi monato fondiĝis en Queluz la grupo esperantista « Zamenhof », filio de B. L. E. Ĝia estraro estas la jena: Prezidanto: Pedro Theophilo Teixeira; 1º Sekretario — Licerio Calazans, 2º Sekretario — João Amaro Gomes; Kasistino — Prof-ino Carolina Toledo.

La grupo Zamenhof intencas baldaŭ efektivigi festeton memorigan de sia fondiĝo kaj Sro. Mello Souza estas invitita fari tiam paroladon pri Esperanto. Ni kore deziras al la agado de niaj novaj gesamideanoj de Queluz la plej grandan sukceson.

*Cruzeiro.* Nia fervora samideano P-ro Mario Veiga efektivigis esperantistan feston kiu okazis la 3-an de tiu ĉi monato en salono de l' Urbestrarejo de Cruzeiro. Tiu festo konsistis el parolado pri esperanto, farita de Sro. Mello Souza, poezioj kaj monologoj deklamitaj de kelkaj gejunuloj kaj la interesa komedio de D-ro. Keating « Cartões Postaes » (Poŝtkartoj) en kiu partoprenis S-roj. Mario Veiga, Candido Lemos kaj F-noj Haydea Armond, Maria Amalia, Ismenia Lima, Angelica Castro, Maria Adelaide kaj Josephina Bertoni.

Multe da ĉarmaj knabinetoj, lernantinoj de Profesorino Adelaide Lemos kantis la himnojn « Espero » je la komenco de l' festo, kaj « Antaŭen » je la fino, akompanitaj de muzikistaro, kiun direktas S-ro. Octavio Ramos.

La salono estis plenega je gesinjoroj de Cruzeiro kaj apudaj urboj kaj al ĉiuj tre plaĉis la gaja festo organizita de Prof. Veiga, kiun ni gratulas.

**Ŝtato de Goyaz.** *Goyaz.* — Oni konigis al ni kiel esperantistiĝeblan D-ro. Antonio Perillo kaj Brazila Ligo elektis lin sia delegito dum la kongreso de S. Paulo. Al li estas senditaj telegramojn tuj publikigitajn en la lokaj jurnaloj. Ni jus ricevis poŝtkarton per kiu li sciigas nin, ke li eklernis Esperanton kaj faros ĝian propagandon en jurnalo, de kiu estas li unu el la redaktoroj. Fondon de esperanta grupo li faras ankaŭ al ni antaŭvidi. — Brave! La semo falis en tre favoran teron!

Ke la fruktoj tre baldaŭ aperu!

Al la gazeto

## « BRAZILA ESPERANTISTO »

**(okaze de ĝia apero).**

*Se povus la sento,*
*Simile al vento,*
*Flugi mistera kun forto;*
*Se tra la aero*
*Tra tuta la tero*
*Povus sin porti kantvorto;*
*Se estus nur kordo*
*Son' kies el nordo*
*Povus atingi la sudon —*
*Al nova standardo*
*Mallerta mi bardo*
*Sendus glorkanton kaj ludon!*
*Sed falis la bard,*
*Dum longa jararo*
*Senton tuthoman kaŝanta;*
*Ekzistas jam kordo,*
*De l' kor', en agordo*
*Kor' kun tutmonda, sonanta,*
*Ekzistas jam vorto*
*Sonanta kun forto*
*Audas ĝin tuta homaro:*
*Per vort' esperanta*
*Saluto glorkanta*
*Iru en landon trans maro!*
*El land' malvarmega*
*Al lando varmega,*
*Flugu al bordoj brazilaj.*
*En lando varmega*
*Kaj en malvarmega*
*Koroj ĉar estas similaj —*
*Por tion ekkoni*
*Nur devas eksoni*
*Lingvo komuna en mondo...*
*Sed nun ĝi jam sonas*
*Kaj homojn admonas*
*Vivi amika en rondo —*
*Kaj tial la sento*
*Simile al vento*
*Flugas mistera kun forto,*
*Kaj tra la aero*
*Tra tuta la tero*
*Portiĝas mia kantvorto —*
*Kaj tial la kordo*
*De l' koro en nordo*
*Sonas amike al sudon,*
*Al nova standardo*
*Mallerta mi bardo*
*Sendas glorkanton kaj ludon!*

ROMANO FRENKEL.
(El « *Verdaj Fajreroj* »).

# O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

**Inglaterra.** Occupa este paiz o 2º logar na relação geral das sociedades esperantistas, cujo numero era em principios do corrente anno de 173, das quaes 52 fundadas em 1908.

Já possue 3 revistas, a saber: *The British Esperantist*, *La Esperanta Instruisto* e *La Londona Gazeto*.— O Esperanto já é ensinado officialmente em 40 escolas e existe um curso desse idioma no Conservatorio de Musica de Londres.— Os esperantistas inglezes tencionam fretar um vapor especialmente para conduzil-os á Barcelona, por occasião do 5º Congresso Internacional.

**Finlandia.** A Universidade de Helsingfors abriu cursos publicos de esperanto.—Nessa cidade publica-se o *Finna Esperantisto*, que já conta 3 annos de existencia.

**Polonia.** A «Pola Esperantista Societo» já possue filiaes em 9 cidades.—Os commerciantes esperantistas de Varsovia fundaram uma secção especial commercial e industrial.— Na Gallicia, o Esperanto figura no programma da Academia do Commercio.

**França.** Continúa esse paiz na vanguarda do movimento esperantista.— O grupo de Pariz já conta mais de 1.000 socios. As reuniões diarias, os passeios, os jantares e as secções do «Montmartra Esperantista Kabareto» são extraordinariamente concorridos.— Archdeacon fez uma conferencia em esperanto no salão da Aeronautica sobre a aviação perante um auditorio de mais de 500 pessoas. A gazeta *L'Aero* publica em cada numero lições e artigos em Esperanto.— As municipalidades de Toulouse, St. Etienne, Condé, Puy, Amiens, Rouen e outras subvencionam os grupos esperantistas locaes. Em Versailles os cursos desse idioma são annunciados pela propria municipalidade por meio de cartazes officiaes.— Fundou-se em Bordeaux um escriptorio de informações na importante casa commercial «Feret & Fils».— Em Blois e Bourges funccionam cursos superiores para soldados.

**Belgica.** Appareceu em Antuerpia o *Belga Esperantista*, que veiu prehencher a lacuna deixada pelo *Belga Sonorilo*.— A grande fabrica «Societé adonymes des papetiers Godin et Fils» editou uma serie de 16 cadernos para escripta, tendo cada um, na capa, um pequeno curso de Esperanto.

**Hollanda.** Em principios do corrente anno existiam 19 sociedades, das quaes 11 fundadas durante o anno findo.— Fundou-se em Haya o «Esperantista Gazetaro Klubo», cujo fim principal é pôr os jornaes ao corrente do progresso do Esperanto.

**Allemanha.** Insensivelmente a imprensa diaria começa a abrir suas columnas ao Esperanto e escrever espontaneamente artigos sobre o movimento esperantista.— Em 5 de Janeiro ultimo existiam no Imperio Allemão 125 sociedades, das quaes 57 na Saxonia.— O congresso de esperantistas allemães realizar-se-ha de 21 a 23 de Maio proximo. — O governo ducal de Saxe-Cobourg-Gotha approvou a organisação de um curso facultativo nas secções commerciaes das escolas reaes.— Entre os estrangeiros que frequentam um dos cursos de Berlim estão 2 chinezes, que já fallam correctamente o Esperanto e estão dispostos a fazer a propaganda desse idioma entre os seus patricios.— Segundo informa um diario allemão, o imperador Guilherme, por occasião do Congresso de Dresde, declarou estar convencido de que a diffusão do Esperanto não era uma utopia, mas um facto em via de realisação.

**Portugal.** Appareceu o 1º numero do *Portugala Revuo*, trazendo na primeira pagina o retrato do Dr. Zamenhof.— No Porto, onde funccionam regularmente 5 cursos de Esperanto, o Sr. J. A. Proença fez em Março uma conferencia na «Associação Central Christã da Mocidade Portugueza».— Dr. Costa Esteves abriu um curso na Sociedade dos Caixeiros Portuguezes.— Em Evora e Portel tambem existem cursos e brevemente abrir-se-ha um em Arcos depois de uma conferencia do padre M. J. Fernandes.

**Hespanha.** O conselho municipal de Barcelona mandou imprimir milhares de cartazes que serão distribuidos

em todas as grandes cidades da Europa.— Em Madrid foi aberto um curso na Escola Militar Superior pelo Coronel Azya.

**Siberia.** Alguns jovens esperantistas acabam de fundar em Tomsk um grupo denominado «Studenta Esperantista Rondeto». E' essa a quarta sociedade fundada nesse longiquo paiz para a propaganda do idioma internacional.

**Arabia.** O Coronel Pollen fez em Harrow uma conferencia intitulada «Nosso estandarte em Mecca» a respeito de sua viagem de propaganda pela Arabia. Ao concluir declarou que antigamente o verde estandarte evocava o fanatismo e mortandade e que hoje já elle não significava *guerra santa* mas *fraternidade sagrada*.

**India.** Existem ahi 8 sociedades de propaganda, das quaes a mais recente é a «Esperantista Societo de Bombejo». Varios principes indigenas têm tomado interesse pelo Esperanto e concorrido liberalmente para as despezas dos congressos internacionaes.

**Ilha de Cuba.** Em 18 de de Outubro ultimo fundou-se a «Kuba Esperantista Societo», que já conta mais de 100 socios e edita o jornal *Kuba Stelo*.— Abriu-se um curso na Academia de Bellas Artes e já funccionam 2 cursos no collegio «Juan B. Sagarra» com grande successo.

---

# LINA' EL MOSKVO

*(El Dro. Nuno de Andrade)*

— Kiun aĝon, kiun religion, kiun nomon? — demandis la juĝisto, sulkigante per la mano haraja la denuncon, solan dokumenton postulitan por permesi la kondamnon je morto.

— Tridekjara, hebreino, Liná Petrowski — respondis la juĝotino per voĉo unutona preskaŭ ne movante la lipojn, en tordonita sintenado, kun la rigardo fiksita sur la katenoj.

Ŝi estis virino ankoraŭ bela, sur kies vizaĝon paliĝitan la malfeliĉo gravuregis fortike siajn signojn. Oni divenis pro la rando ruĝa de la palpebroj, la postsignon de la sendormeco kaj pro la kuntiriĝo de la buŝo senkolorigita, la historion de malnova doloro.

Ŝi mortigis dum unu sola nokto, kvar soldatojn dormantajn; kaj kiam ŝi estis arestata, oni surprizis ŝin kisantan la ponardon kun senterarulina fervoro, eble eĉ kun trograndiĝo de buĉado.

— Ĉu vi konfesas la krimon, kiun oni akuzas al vi?

— Certe: mi konfesas. Mi mortigis ilin: kvar apenaŭ. Ili dormis. Mi iris malrapidege, piedo post piedo, sen la plej malgranda bruo, retenante la spiron, kaj mi ponardis ilin, ne donante tempon, por ke ili ĝemu, per tiu ponardo, kiu kuŝas tie sur la tablo. Dum ses jaroj mia kara kunulo restis senokupa, sed kiam de ĝi mi petis helpon, ho! — ĝi vundis kvazaŭ tondro bonvena.

Kaj unusalte ŝi kurbiĝis sur la armilon, kisis ĝin, kaj revenis al sia loko kaj al la sama fordenita sintenado.

La juĝisto fiksis ŝin per la rigardo.

La lipoj de la malfeliĉulino tremadis, kvazaŭ la malvarmo de la ŝtalo estis kaŭzinta en ŝi strangajn kuntiriĝojn voluptajn.

— Parolu, ordonis la juĝisto. Diru la kaŭzon, kiu vin instigis al la krimo.

— Ĉu paroli? Ne estas necese. Sufiĉas, ke vi elpremas mian koron, en kiu mi kunpremis, dum ses jaroj tre longaj, la nedireblan stimulon de la venĝo. Eltiregu mian koron el la brusto, premegu ĝin, kaj vi scios.

— La juĝisto ne volas afektojn. Parolu, mi ripetas.

— Nu! mi parolos. Ĝi okazis en Moskvo, en la jaro 1899. La grandduko Sergio iniciatis sian malnoblan regadon de turmentego, dissemante larmojn kaj malpurajojn...

Ĉu vi scias tion? Eble ne. La moralo de la sklavoj ne ĉiam estas la moralo de la liberuloj. Via mošto juĝista estas ĉu vi servas la tiranecon, kio volas diri, ke vi servas la inferon. Vi demetis la homan indecon profite je la sato de la stomako! Fine: mi kredas je la sortdestino... Via mošto juĝista estas difinita de la sorto, kaj eble mi vin timegigas.

— Mi malpermesas, ke vi ĉirkaŭvagu. Se vi insistas, mi vin vipigos.

— Estis en Moskvo; en la jaro 1899. La grandduko, zorganto pri la orfejoj, sin okupis precipe senhonorigi la edukotinojn. Unu el ili, suferantino de la malĉastulo imperia, rakontis al sia frato, leŭtenanto de la gvardioj, sian nemezureblan malfeliĉon. La junulo rapidegis al la palaco, lin ekcitis al mortiga duelo; sed la malkuraĝulo rifuzis batali, kaj sendis al Siberio la venĝantan de la senhonorulino.

La rasaj princoj ne batalas: ili malgloriĝas.

En tiu sama epoko Sergio dekretis la elpelon de la Hebreoj. Mia patro forkuris; kaj mi restadis, kune kun mia patrino paralizita. Ni estis enskribitaj en la malnobla registrolibro...

— En kia registrolibro?

— En tiu de prostitulinoj. Sed mi petas pardonon de vi. Mia patrino estis sanktulino, kaj mi estis virgulino...

La juĝisto leviĝis subite, kvazaŭ li vidis aperi, kuraĝega antaŭ siaj okuloj, la fantomo de la malĝojego, kaj kun la haroj stariĝitaj kaj la buŝo malfermeĝita balbutis:

— Mi ne komprenas. Mi ĵuras je Dio, ke mi ne komprenas.

***

— Ho! Via mošto juĝista havas koron... Kia surprizo! Mi klariĝos. La dekreto ordonis, ke la Hebreoj estu elpelitaj, sed ke la Hebreinoj estu toleritaj, kondiĉe ke ili sin enskribigus en la prostitulina registrolibro... Ĉu vi nun komprenas? Por ne forlasi mian patrinon!... mi enskribiĝis.

Preskaŭ neniam mi eliris el hejmo: La virinoj estis kaptataj, sur la stratoj kaj alkondukitaj al la plej proksima polica posteno... por la kuracista ekzameno. Iun tagon mi iris al la apoteko pro kuracilo por mia patrino... Oni min arestis... Ho! Kia kruela afero! Oni alkondukis min al la posteno, kaj mi estis brute ekzamenita. Mia virgeco ŝajnis ribelo. Oni alkondukis min al la apudesto de la grandduko!... Li mem, la ponardisto, ankaŭ min ekzamenis. Mi estis svenita. Kiam mi rekonsciis, mi aŭdis la voĉon kaprosimilan de la grandduko: «Oni alkonduku ŝin al la polica posteno, kaj oni ordonu al ĉiuj soldatoj, ke ili plenumu la ordonojn de la dekreto.»

La juĝisto alproksimiĝis al la malfeliĉulino, kaj sensente li provis ŝiri la katenojn per la ungoj.

— Tremetante pro teruro, mi alvenis al la polica posteno. La ordono de Sergio, akceptita per aplaŭdadoj, estis plenumota... Ree mi svenis. Mi ne scias kiom da tempo daŭris mia turmento. Mi ne scias. Dio volis, ke mi ne mortu. Por kio? Por min venĝi, Lin venĝante.

Rekonsciante, mi havis la korpon traboritan per doloroj kaj malpurajoj... Interne de mi malplenaĵo... mi estis sen animo. Starante, kraĉosprucite per la ebrieco de volupto kaj de la malĉasteco, kvar soldatoj...

— Mi estas nomata Ivan Koroff, mia bela...

— Mi estas Miĥaelo Turgueff, amantino mia...

— Stanislas Kryé, mia koro...

— Petro Sturm, birdeto mia...

Frenezigite, kun la kruroj ŝanceliĝantaj kaj laciĝitaj, trempeĝite je kolero kaj antipatiego, mi atluĝis domen: mia patrino estis mortinta.

— Ĉu vi volas forkuri, filino mia? — demandis la juĝisto, grincigante la dentojn, kaj kun la pupiloj troege pli-larĝigita, kiel tiuj de la mortanto.

— Ne! — ekkriis Liná Petrowski: mi volas morti. Mi vestigis mian patrinon per ŝiaj plej bonaj vestoj; mi faris ŝian enterigiron; mi ŝin akompanis al la tombejo, kaj post kiam la tombisto finis sian laboron de eterna estingado, mi falis kun la brusto kaj la vizaĝo sur la teron malstreĉitan de la tombo, mi gluis la buŝon sur la tero amika kaj mi paroladis persiste en la ĉerkon: Mi ekparolis la ĵuron de la venĝo....

(Tradukita de FORGESITO).

*(Sekvas)*

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

*De Ilarejo Esperantista*, Helsingfors:

Jolanto, la filino de l' reĝo René, de Henriko Hertz, laŭ la dana originalo esperantigis Hy. J. Runeberg. Prezo .................... fr. 1,25

*De l' Librejo Hachette kaj K.:*

George Dandin, komedio en tri aktoj de Molière, el la franca lingvo tradukis D-ro L. L. Zamenhof. Prezo .................... fr. 1,20

Cours élémentaire pratique de l' Esperanoto d' après la méthode directe combinée, de Michel Becker kaj E. Grosjean-Maupin. Prezo.... fr. 1

Cours méthodique d' Esperanto — thèmes, de Camille Aymonier kaj E. Grosjean-Maupin. Prezo .................... fr. 1,20

La Sentencoj de Salomono (Libro el la Biblio, el la originalo tradukis D-ro L. L. Zamenhof. Prezo .................... fr. 1,50

*De Elio Esperantista:*

« Esperanto Simpligita? », de P. Christaller, Stuttgart. Represajo.

*De Bohema Societo Esperantista* en Praha:

La Rezultato de mia Paciga Entrepreno. Raportas kaj al ĉiuj bohemaj esperantistoj prezentas D-ro A. Batek.

*De P. Hübner*, Mulheim a. Rhein. (Germanujo):

Kristana Esperanta Kantareto, 11 kantoj kun melodionotoj. Prezo .................... 25 sd.

*De S-ro Alberto Gomes Cruz* jr — Guadalajara, Mexico:

Rudimentos de Esperanto.

*De l' Universala Katolika Esperanta Biblioteko*, Rotterdam. (Holando):

Garcia Moreno, de Pastro H. M. H. Bartels, tradukis Jolo. Prezo .................... fr 0,15.

*De Imprenta Esperanto*, Casilla 1989. Santiago de Chile:

Sistema Gráfico Estelar del Esperanto, por Ipolito Kontreras. Prezo .................... 1 sm.

*De la Internacia Propagandejo Esperantista, Merton Abbej, London, S. W.:*

« Rusa Ŝlosilo » propaganda libreto konstruita laŭ ĉiama simila modelo de la Ĉefeĉaj Ŝlosiloj.

« Kio povas okazi, se oni donacas surprize? », de Fritz Reuter, tradukita el la subgermana dialekto de E. Ĉefeĉ, dua eldono denove redaktita. Prezo .................... fr. 0,60

*De la Esperantista Centra Oficejo:*

Zamenhofaj Vortoj netroveblaj en la universala vortaro tiritaj el Ekzercaro, Hamleto, Fundamenta Krestomatio, la Revizoro kaj la Rabistoj, kun citajoj. Prezo .................... 1 fr.

*De la Esperanta Universala Biblioteko Budapest:* Persaj Skizoj II, kolektis Georgo Davidov.

Ajĉatur (armena fabelo), tradukis Georgo Davidov.

*De la Librarie Esperantiste A. Burignier, 13, rue St. Georges, Nancy:*

Procirkonstanca Edzo, vaŭdevilo de Panard (1813). Libera traduko de D-ro Noel. Prezo.. fr. 0,75.

*De la Sveda Esperantista Societo:*

Sveda Jarlibro Esperantista por 1908 de P. Ahlberg. Prezo .................... 22 s/d.

*De Higgie kaj K°, Eldonistoj, Rothesay, Scotland:*

Is Esperanto worth learning? by Bernard Long. Prezo .................... fr. 0,05 4 s/d.

Kondukanto al belga Skotlando. Historio, naciaj karakterizoj, ktp., Tradukita [illegible] esperanten Prezo .................... fr. 0,05.

**« La Spritulo ».** — La titolan paĝon de la 5-a eldono ornamas beleta bildo: « Songo de knabo post la unua leciono. »: literoj **ĉ, ĝ, ĥ** ..... saltetas super la malkviete dormanto turmentante lin, dum sur librujo leksikonoj kaj gramatikoj por naciaj libroj koleras kaj minacas la malfeliĉan: ĉion lumigas de supre la kvinradia stelo ridetante. — Humorajo: « La Gramofono » montras la hejman familian vivadon en Germanujo per komikega bildo, plue franca noveleto france ilustrita estas bonvenanta manĝa peco por frandemuloj. Plej amuza tamen estas legendo kun 18 bilddetoj verkita kaj ilustrita de bohema kunlaboranto: « Pri homo, kiu koleris pro la grandega sukceso de Esperanto kaj ĝia "Spritulo" ». Ĉie kaj ĉie tiu plej mizerulo vidas tiun-ĉi gazetaĉon: hejme la libristo invitas lin je abono, en bierejo la gastoj legadas ĝin, sur strato afiŝo rekomendas ĝin kaj gazetvendistoj kriadas ĝin, en fervojkupeo lia najbaro studas ĝin. Furiozigite, li forkuras al la nigruloj: sensukcese! eĉ en liaj manoj ĝi troviĝas; tial « for, for ĝis la norda polus'o: sed ho ve! eĉ tie ĉi blanka urso priridegas la abomenan; malespere li sin ĵetegas maren, tute vane! ankaŭ la niksinoj fervore diskutadas « la Spritulon », kaj eĉ marbestetoj devas ridi (vidu la apudan bildon) Por fini sian turmenton li volas pendiĝi sed neeble jen afiŝo de la malbenita sub la arbo uzota. Laste li mortpafas sin malespere, tamen eĉ tio ne savas lin, en ĉielo *St. Petrus'o* kaj anĝeloj estas fervoraj legantoj de la flame malamato. — Instrua kaj pensiga estas la alegoria bildo de l' sekretario de la grupo de *Plevna* koncerne « La batalan kampon de lingvoj internaciaj »; ĉarma la ilustrita noveleto « poŝtisto kaj poŝtkarto »; interesaj la *Bismark*'aj anekdotoj. — « La spritulo » estas sendube potenca kaj grava « propagandilo », kiun ni kore rekomendas al niaj legantoj. Postulu ponumeron (sd. 20) aŭ kuraĝe tuj jarabonon (sm. 1,20) de l' administrejo de « La spritulo »: Leipzig (Germanujo), Körnerstrato 81. Vi certe ne pentos tion.



Abonojn akceptas ankaŭ « Brazila Esperantisto ».

**«Studento».**— Nur esperante redaktota organo de Studentoj-Esperantistoj, komencos eliradi post libertempo de jaro 1909. Por ke la gazeto estu plej interesa kaj enkavoriĉa, ni turnas nin jam nun al tutmonda studentaro kun peto, helpi nin en tiu ĉi grava entrepreno, per sendado de raportoj, pri esperanta movado inter studentaro. La gazeto enhavas krom artikoloj ĝenerale koncernantaj movadon de nia kara ideo inter la studentaro, ankaŭ literaturajn verketojn, epizodojn el studenta vivo, bibliografion k. t. p. Ni petas esperantistajn grupoj studentajn pri sciigo, ĉu oni povus helpi nian certe por la studentaro signifoplenan taskon, atentigante pri gazeto, kaj subtenante nin per diskonigado de nia afero. Montra numero estos sendota al ĉiu, kiu ĝin mendos, pagante 20 pf. (1 internacian respondkn). Cio koncernanta la gazeton estu nun provizore sendata laŭ adreso «Studento-Esperanto», Praha 342.— J. (Bohemujo) Konstantaj kunlaborantoj bonvenantaj.

## "L'AERO"

*Com este titulo apparece em Paris um jornal que se dedica a tratar de assumptos de aeronautica, balões, dirigireis, aeroplanos, etc., servindo a uma clientella vasta e enthusiastica. Pois bem, nesse jornal, de real importancia e grande tiragem, apparece sempre uma secção em esperanto collaborada pelos conhecidos aeronautas e tambem conhecidos esperantistas, Archdeacon, de Coppet, Gastão Moch e outros, e brevemente será iniciado um curso, o que prova a* taŭgeco *de nossa lingua para todos os misteres, mesmo os mais modernos.*

*A assignatura do* Aero *(nome já de si esperantista) é de 8 francos e a sua redacção funcciona na rue de Courcelles, 198, Paris.*

## "BRAZILA ESPERANTISTO"

Jen estas la helpabonantoj de tiu revuo:

| | |
|---|---|
| Leonel Gonzaga | 10$000 |
| Honorio Leal | 10$000 |
| A. C. Fernandes | 10$000 |
| E. Backheuser | 10$000 |
| Estorgio Wanderley | 10$000 |
| Hernani Mendes | 10$000 |
| Sumo | 60$000 |

## KORESPONDADO

Deziras korespondi per poŝtkartoj ilustritaj:

Ant. Heyrovsky, juristo, en Nĕm. Brod, Bohemujo, Aŭstrujo.

S-ro Marcel Parrot, 21, rue de Tourville, Paris.

S-ro R. G. Hulburt, instruisto kaj presisto. Taylor, Nebraska. U. S. A.

S-ro Licerio José de Calasans, Queluz. Estado de S. Paulo, Brazilujo.

S-ro Pastro L. W. Greenvich, N.-J. — U. S. A.

## NOVAJ GAZETOJ RICEVITAJ

**Greklingva Esperantano.** Oficiala organo de la Samosa Esprantista Societo. Jare 1.20 Sm. Samos (Turkolando.)

**La Pioniro.** Oficiala organo de la Soc. Hung. Esp. «Studentgrupo.» Jare 0.80 sm. Nagymezo — U. 12. 1/16. Budapest. Hungarujo.

**Kuba Stelo.** Organo oficiala de la Kuba Esperantista Societo. Tipografia Sanchez — Santiago de Cuba.

**Export Esperantist.** Monata eksporta jurnalo. 404 Security Bldg., Chicago, Ill. U. S. A.

**Esperanta Meksiko.** Jare 1.25 Sm — Strato Perpetua, 5. Mexico.

**La Bela Mondo.** Ilustrita kaj bela presita revuo. 3 Sm. Bismarckplaco 12 — Dresden — Allemagne.

**Belga Esperantisto.** Monata revuo. Jare Fr. 4.50 (1.80 Sm). Vondele Straat 20 — Antwerpen — Belgujo.

**Portugala Revuo.** Orgão dos esperantistas portuguezes. Jare. 2 Sm. Rua do Rosario. 215 — Porto. Portugalujo.

Ni ankaŭ ricevas tre regule la jenajn jurnalojn, kiuj ĉiam enhavas artikolojn pri, por kaj en Esperanto:

**Le Phare Sténographique.** Revue mensuelle illustrée, organe Sténo-Dactylographique et Esperantiste. Jare 4 fr. — 60, ruedes Carmes Rouen. Francujo.

**La Plume Sténographique de France.** Revue universelle illustrée de Sténographie et de Dactylographie. Jare 5 fr. — 11. rue Manigue. Limoges. Francujo.

**Welt-Warte.** Monata internacia ilustrita gazeto. Jare 3 Sm. Wassersturmstr. 29. Leipzig — S. Germanujo.



— Kompostejo de l' « *Grupo Esperantista Laboristaro* » —